# ESPERANTISTO SLOVAKA

ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo

IV-a JARKOLEKTO • JANUARO 1949 • NUMERO 1 (31)


## Batalvorto por la jaro 1949.

Nia slovakia movado estas unu el la plej junaj en la mondo, ĉar de tempo antaŭ la dua mondmilito restis nur areto da malnovaj, spertaj gesamideanoj, kaj eĉ tiuj ne plu povas ĉiuj aktive partopreni en la semado kaj rikoltado sur la verda kampo de nia movado. Estas do necese, ke ni havigu al ni la bezonajn spertulojn. Sed kiel?

Plej multaj niaj gesamideanoj estas novaj, ja eĉ novegaj esperantistoj, kiuj apenaŭ finstudis unu fundamentan lernolibron. Ili tamen jam povas korespondi kaj kun helpo de vortaro legi pli facilajn tekstojn. Kaj, bedaŭrinde, multaj el ili kontentiĝas per tio ĉi.

Kompreneble, tio ĉi estas malĝusta sinteno, ĉar estas ja unu el la plej gravaj bremsiloj de nia movado, ke plejparto de niaj gesamideanoj estas *tro modestaj rilate siajn konojn de Esperanto.* Ili kapablas skribe interkompreniĝi kun alilanda poŝtmarkkolektanto kaj tie ĉi ili ĝenerale finas. *Ne fini, sed komenci ni devas sur tiu ĉi punkto* — komenci la gravan laboron de pliperfektiĝado kaj pliperfektigado de aliaj.

Ni deklaras ekstermigan militon al la tielnomataj „bonan-tagon-esperantistoj"! Estas ja hontinde nur komenci interparolon per esperantlingva saluto kaj poste kapabli daŭrigi ĝin nur en gepatra lingvo. Ni klopodu esti *esperantistoj en plena senco de vorto,* konsciaj, kiuj la bonan konon de la lingvo konsideras afero memkomprenebla. Sen profunda scio de la lingvo ni ja restas malbonaj esperantistoj, konvinki nekapablaj propagandistoj, nur dumvivaj komencantoj, uzantaj esperanton fuŝe.

PLIPERFEKTIĜO — jen la batalvorto por 1949.

Kiel ĝin atingi? Kvankam ni, speciale en Slovakio, havas mankon da lernolibroj por progresintoj kaj tiaspecaj kursoj ankaŭ malabundas, tamen *ĉiu* povas pliperfektiĝadi. Metodoj por tio estas pluraj: nepre aboni gazeton aŭ revuon kaj *ne nur legi,* sed *studi la lingvon* de ĝiaj tekstoj; *organiziĝi* en kluboj, partopreni kunvenojn, paroli tie nur esperante kaj dediĉi parton de la kunveno al pliperfektiga kurso; *uzi la lingvon* ne nur skribe, sed ankaŭ buŝe, ankaŭ kun samlingvanoj, hejme kaj ankaŭ surstrate (ĝi ja bonege propagandas — ne forgesu!); *trastudi ĝisfunde ankoraŭ unu lernolibron,* eĉ se fundamentan, laŭeble ne tiun, el kiu vi lernis la unuan fojon — tio ĉi bonege refreŝigas la konojn, ĉar en ĉiu lernolibro oni trovas ion novan; *aŭskulti la radioelsendojn,* por ke alkutimiĝu ankaŭ la orelo kaj evoluiĝu via sento por la ritmo de la lingvo; *korespondi* — se eble kun pli perfekta esperantisto, de kiu oni povas lerni; *tradukadi por ekzerco* el la slovaka esperanten kaj male; lerni *pensi en Esperanto — ktp.*

Jen kelkaj metodoj por pliperfektiĝo. Sed spertaj — kaj kelkfoje eĉ novaj — gesamideanoj konas ankaŭ aliajn. Ni volonte publikigos pripensigajn sugestojn, nur bonvolu sciigi al ni pluajn bonajn receptojn. Ankaŭ skribu, kion vi pensas ke Esperantisto Slovaka devus fari por helpi vin pli bone.

Do ne forgesu — la batalvorto estas: PLIPERFEKTIĜO! Ni deziras al ĉiuj multe da persistemo kaj bonegajn rezultojn.

Ek al la laboro! *EVT.*

# Kio okazas en ČSR

## I.

### LA KVINJARA PLANO.

Ĉeĥoslovakio ĵus sukcese plenumis sian dujaran planon de postmilita rekonstruo kaj komence de tiu ĉi jaro ĝi komencas sian Kvinjaran planon de industria progreso.

La ĉefa tasko de la KJP estas la ŝanĝo kaj fina evoluigo de nia ekonomio kaj plialtigo de la vivnivelo ĉe la tuta laboranta popolo surbaze de pli alta produktiveco de la laboro. La naciigita industrio





plifortiĝos kaj la restoj de privatkapitalistaj elementoj en nia nacia ekonomio estos forigitaj.

En industrio la valoro de la produktado plialtiĝos je 57% kaj antaŭ ĉio oni priatentos la metalan, minejan, energetikan kaj konstrumaterialan industriojn. En sektoro agrikultura kaj arbara la produktado plialtiĝos je 16% kaj la domkonstruado superos la rezultojn de la dujara plano je 130%. La laborrezultoj de la transporta kaj komunika sistemo estos en 1953 je 40% pli alta ol tiu de la jaro 1948. Enlanda komerco zorgos ĉefe pri justa distribuado de varoj sur bazo de principoj de planata ekonomio.

La kvinjara plano celas plialtigi la kulturan kaj ekonomian nivelon de la loĝantaro tiel, ke estu kreitaj plej favoraj kondiĉoj por ĉies spirita kaj materia progreso. La vivnivelo plialtiĝos proksimume je 25% kompare al 1948. La sociala prizorgo estos pliperfektigita kaj en la kadro de zorgado pri la sano de nacio la nombro de malsanulejoj, kuracistoj kaj aliaj institucioj konsiderinde kreskos. Kulturlaboro estas en la KJP reprezentanta per konstruo de lernejoj, librejoj, teatroj, radio, kinoj. Korpa edukado estos favorata per konstruado de sportejoj, gimnastikejoj kaj korpedukaj centroj.

Privata konsumado spertos plibonigon de la kvalito de ĉiuj varoj kaj pliboniĝon en provizado per pli valoraj nutraĵoj kaj ĉiuspecaj bezonaĵoj.

Por povi plenumi tiujn ĉi grandajn taskojn, la produktiveco de la laboro devos kreski je ĉirkaŭ 40% kaj la nombro de laboruloj je 5,6% kompare al 1948. La antaŭvidita valoro de investoj dum la KJP estas 336,2 miliardoj da ĉeĥoslovakaj kronoj. La komerco kun eksterlando kreskos je 40% en sia amplekso kaj ĝi, precipe la importo, estos organizita ĉefe laŭ bezonoj de la KJP kaj estos antaŭ ĉio efektivigata kun landoj, havantaj planatan ekonomion.

Plenumi sian taskon en la kadro de la KJP estas honora devo de ĉiu civitano de ČSR, ĉar de ĝi dependas la ekonomia plifortiĝo de la ŝtato kaj plialtiĝo de ĉies vivnivelo. Ĉiu devos adapti sian agadon al la bezonoj de la plano.

Same kiel ni plenumis la dujaran, ni plenumos ankaŭ la kvinjaran planon por bono de la ŝtato kaj ĉiu ĝia ano.

---

NE FORGESU: FRUA ABONO ESTAS HELPO AL LA REVUO!

## *Novjara ĝemdeziro de „mutaj“ esperantistoj*

*Voku nin, ho voku, Vi Sinjoro Dio,*
*donu al ni taskon grandegan pri io.*
*Prefere ni ŝatus — ne gravas la kvanto —*
*okupiĝi ĉefe nur pri Esperanto.*

*Ĝisnune ni staris flanke en la ombro,*
*persono, la nia, ne estis en nombro*
*de l’esperantistoj, kiuj funkciadis*
*aŭ almenaŭ iom en movad’ agadis.*

*Sed nun post ripozo kun rezerv’ da fortoj*
*ni agadkomencu per skrib’ kaj per vortoj;*
*ni moviĝu ĉiuj en plej granda kvanto —*
*per nia laboro venku Esperanto!*

*La ĝemdeziron peris*
*Št. R. Seemann.*

*Julie Šupichová:*

# RIGARDO MALANTAŬEN

Verkita por Esperantisto Slovaka.

Pasis jam pli ol 60 jaroj en la vivo de la genia Zamenhofa verko. La vojo al ĝia sukceso estis kaj ankoraŭ nun estas plena de ĉiuspecaj baroj. Sed nia daŭra penado, pacienco kaj entuziasmo rezultas ĉiam novan progreson.

La dua mondmilito ne sole malhelpis intensan propagandon de la internacia lingvo, sed kaŭzis ankaŭ gravajn perdojn inter nia anaro. Ne mirinde do, ke instruante Esperanton, ni samtempe direktas la atenton al eduko de ĝiaj novaj apostoloj. Tute prave ni serĉas kaj trovas ilin precipe en la junularo — la estonteco de ĉiu movado! Ni esperas havigi al ni oferemajn kunlaborantojn, fervorajn instruantojn, spertajn gvidantojn kaj kapablajn verkistojn. Ni kredas, ke ili vastigos — samkiel ni tion faris — ne nur la posedon de la lingvo de Zamenhof, sed ankaŭ la humanecon kaj pacon. Ĉar tia estas bezono de la koro de ni, pioniroj de Esperanto.

Tiu ĉi ekpenso rememorigas al mi la plej unuan epokon de la Esperanto-movado sur la teritorio de nia Respubliko. Neniel intencinte skizi „historion“ pri ĝi, mi tamen dezirus citi en nia frata slovaka organo kelkajn faktojn kaj nomojn, kiuj apartenas jam al la HISTORIO, sed ne povas esti forgesataj.

Ĉie, kie ekbrulis la Verda Stelo, ankaŭ virinoj kunlaboris, ĉu kiel pli malpli fervoraj membroj de la grupoj, ĉu kiel memstaraj kaj aktivaj propagandistinoj. Niaj legantoj certe pardonos min, se mi — intence — parolos nur pri la *esperantistinoj!*

En 1890 aperis la unua ĉeĥlingva lernolibro de Esperanto de F. V. **Lorenz** — en novembro 1902 du moraviaj instruistoj *Th. Čejka* kaj *J. Krumpholc* kuraĝis eldonadi „monatan organon por la instruado kaj propagando de helpa lingvo internacia Esperanto“ — ĝia nomo estis „Český esperantista“ (Bohema esperantisto). La unuaj paŝoj en nia Esperantujo . . .

Mi petas ŝatatajn legantojn trafoliumi kun mi nian unuan Esperantan gazeton. Ĝia enhavo estas ĉiam tre interesa kaj instrua. Sed — kiel supre dirite — mi atentos sole niajn samideaninojn.

Jam en la dua numero de la gazeto (decembro 1902) ni povas legi: . . .Private oni sciigis al ni, ke en la „Societo de ĉeĥaj virinoj kaj knabinoj“ en Sušice parolados pri internacia lingvo sinjorino Máša Erhartová, edzino de faka instruisto. (Jen la unua pionirino! Ĉu ŝi vivas ankoraŭ?)

En kroniko de la 7-a numero (julio 1903) estas sciigo pri la kunveno de la „Esperantista klubo“ en Praha, kiu elektis sian novan komitaton kaj krom tio ankaŭ ekspozician komitaton. Inter la membroj de la lasta estas fraŭlino X. Hainthalová.

Nova rubriko de la gazeto, nomata „Organizacio de korespondado“, vidas nomojn de nialandaj kaj fremdaj korespondemuloj. En la 8-a numero kiel dektria estas anonceto de fraŭlino Marie Skřehotová el Bystřice pod Hostýnem, kiu „legas, skribas kaj parolas en Esperanto kaj deziras perfektigi sin en ĝi“.

En la sama rubriko fraŭlino Julie Šídlová el Bystřice pod Hostýnem (fama loko de nia meritplena pioniro Čejka!) deziras „korespondi pri teozofio, budhismo kaj vegetarismo“ kaj aldonas ankoraŭ: „Mi instruados kun plezuro Esperanton koresponde.“ (Ĉu tio ne estis ĝermo de postaj skribaj kursoj?)

Kaj fine ni vidas la 11 an numeron, en kiu ni legas, ke „Vespera eldono de Národní listy“ en Praha la 21. XI. 1903 publikigis boheman tradukon de artikoleto „Malsana junulo“, kiun por „Český esperantista“ el flandra lingvo tradukis D-ro Raym van Melckebeke. „Bonegan tratradukon de artikoleto „Malsana junulo“, kiun por „Český esperantista“ aktivis la ĉeĥa samideanino.) *(Finota.)*

# Sepdek jupojn...

## Slovaka popolkanto

Gaje.










Sepdek milojn ŝi ja havis,
tamen ŝi neniun ravis;
havaĵ' mia: preskaŭ nulo —,
svatis min eĉ lipharulo.

Ĉe fenestro li saltadis,
kvar groŝojn li proponadis —:
donu vian filineton,
prenu por ŝi ĉi moneton.

*Tradukis J. V. Dolinský.*

---

SCIIGU AL LA ADMINISTRACIO ĈIUN DAŬRAN ŜANĜON DE VIA ADRESO.

REABONU NIAN REVUON POR VIA EKSTERLANDA KORESPONDANTO!

---

# EL LA NATURO

Trovo de arba speco de genro, kiun oni opiniis malaperinta.

En 1945 oni trovis en la provinco Seĉuan (Ĉinujo) kelkajn arbojn kun kadukaj folioj, de la konifera genro „Metasequoia". De tiu speco oni konis nur kvar fosiliajn specojn, apartenantajn al la genro „Sequoia", de kiuj ekzistas nur du vivantaj specoj. La „Sequoia" estus malaperinta pro la kulpo de homo, se Amerikanoj ne estus konservintaj ĝin en pluraj rezervejoj de Kalifornio. Oni trovis ree la „Matasequoia" en la provinco Hupei, kie ĝi ekzistas en malgrandaj sporadaj grupoj, kiuj ankaŭ malaperas. Ĝi estas tre bela arbo, kies alteco povas atingi 35 metrojn kaj kiu havas ĉe la malsupro diametron de 2,25 metroj.

Dank' al ĉinaj botanikistoj, „Arnold Arbaretum" de la universitato de Harvard (Usono) organizis en 1947 ekspedicion, kiu kunportis semojn; ili bone ĝermis en botanikaj ĝardenoj en Anglujo kaj Usono, do la postvivo de tiu speco estas certigita.

Profesoro E. D. Mervil raportis en „Arnoldia" (8. marto 48, p. 1) pri la trovo kaj sukcesplenaj provoj de aklimatizo.

Oni vidas en Francujo, en Générargues (Gard), en la bieno Prafrance, duoblan vicon da „Sequoia"-oj, bordantaj aleon. Ili estis plantitaj en 1860 en aluvian, bone irigaciitan teron kaj dank' al la milda klimato ili sufiĉe rapide kreskis, ĉar nun ili atingas la proksimuman altecon de 40 metroj.

La kazo de la „Metasequoia" devas esti komparita kun tiu de la „Ginkgo biloba" (el la japana Ginkgo, samsenca), kiu postvivas, ĉar ĝi estis konservita kiel sankta arbo en la Buda-aj temploj de Ĉinujo kaj Japanujo. Ĝi estas kulturata en Usono kaj oni vidas ĝin en la Pariza Naturhistoria Muzeo.

El „La Nature" esperantigis
Maurice Cézar, Haarlem,
Nederlando.

---

POR ĈIU HORO . . .

*Por ĉiu estinta horo*
*unu memoro . . .*
*Por ĉiu estanta horo*
*unu feliĉo . . .*
*Por ĉiu estonta horo*
*unu espero!*

*Maria Letizia di Savoia-Aosta.*

*Maša Haľamová:*

# En sorĉa arbaro

Tra arbar' granda
mi kun l'amato
iris.

Sur blankaj arboj
koboldoj neĝaj
sidis.

Ekridis l'arbar',
neĝeroj sur nin
defalis.

Sub abi' blanka
li amon al mi
deklaris.

Kanteton aman
susuras niaj
skilignoj.

Ho, kia ĝojo
gliti en liaj
postsignoj!

El la slovaka tradukis *EVT.*



Foto Slavomír Tejnský. Pruntedonis „Krásy Slovenska“.

Vintra paradizo en Slovakujo.

# ESPERANTO KAJ LA MONDA SPORTO

La oficiala organo de la brita olimpa komitato, World Sport, aranĝis konkurson, kies objekto estas verko de artikolo pri temo: *„Kiel internacia interkompreno kaj amikeco estas akcelataj per la sporto“.*

Ni sciiĝis, ke sveda sporta pedagogo en la kadro de tiu konkurso kreis projekton pri sportaj konkursoj inter la junuloj de la tuta mondo, okazontaj dum aparta „Tutmonda sporta tago“, kaj donis detalan planon pri la aranĝo de tiaj konkursoj.

Se oni deziras kapti grandiozajn arojn da partoprenantoj, devas esti plenumataj la jenaj kondiĉoj:

la konkursoj okazu en la hejmloko,

koncernu limigitan nombron da simplaj sportaj branĉoj,

ebligu kiel eble plej justan taksadon de la rezultatoj. Por tia taksado la proponinto ellaboris poentan tabelon.

La „Tutmonda sporta tago“ devas laŭ la propono esti aranĝata de Unuiĝintaj Nacioj. La venkintoj ricevu diplomon en esperanto, subskribitan de la regnestroj de la landoj reprezentataj en la konkursoj.

La verkinto montras en sia propono, ke la realigo de tiaj internaciaj konkursoj postulas forigon de unu obstaklo: la lingva diverseco. Tiun obstaklon superas nur unu alia faktoro: la manko de volo de la homoj uzi la lingvon de alia nacio en internacia kunlaboro.

Sed tiu obstaklo malaperos en tiu momento, kiam akceptos la projektita „sporta komitato“, laboranta sub la egido de UN, esperanton kiel oficialan lingvon por internaciaj sportaj interrilatoj. Ne nur teorie, sed ankaŭ praktike la internacia esperantomovado montriĝis la plej efika porpaca organizo de la mondo. Se la internacia sportmovado povos efike sin servi de la mondlingva movado, oni gajnos multe pli grandan profiton por la tutmonda paco ol sukcesis atingi ĝisnunaj packongresoj. Nur la sporta movado tiam montros sin potenca faktoro por la akcelo de internacia interkompreno kaj amikeco inter la junuloj de ĉiuj landoj, al kiuj paco sur la tero devas aperi la plejakirindaĵo de la vivo.

---

Esperanto donas al la homoj la eblon ŝpari tempon, energion kaj atingi pli perfektan interkompreniĝon ol per uzado de multaj lingvoj naciaj.

(E. Lanti: Eldiroj pri Esperanto.)

# Por komencantoj

## HOMO KAJ LA MONO.

Se iu klopodas *havigi al si* monon, oni diras pri li, ke li estas avarulo. Se li havas kaj ne elspezas ĝin, tiam li estas kapitalisto. Se li elspezas ĝin, tiam li estas facilanima malŝparemulo. Se li ne kapablas *perlabori* monon, li estas senkapabla netaŭgulo. Se li ne volas perlabori ĝin, do li estas sen ambicioj. Se li sukcesas *havigi al si* monon sen laboro, li estas parazito. Sed se li *sukcesas ŝparakiri* ian sumon post multaj jaroj da pena laboregado, tiam oni lin nomas „stultulo, kiu nenion ĝuis dum sia tuta vivo".

## ČLOVEK A PENIAZE.

Ak sa niekto usiluje *nadobudnúť si* peniaze, hovorí sa (ľudia hovoria) o ňom, že je skupáň. Ak má peniaze a nemíňa ich, vtedy je kapitalista. Ak ich míňa, je ľahkomyseľný márnotratník. Ak nie je schopný *zarobiť si* peniaze, je neschopný naničhodník. Ak si ich nechce zarobiť, je leňoch (bez ambícií). Ak sa mu podarí *prísť po nejaké* (nadobudnúť si, získať) peniaze bez práce je parazit. Ale ak po mnohých rokoch driny *našporí* (ak *sa mu podarí*... našporiť si) trocha peňazí (nejakú sumičku), potom ho nazvú „hlupákom, ktorý si za života nič nedoprial (ktorý po celý svoj život nič neužil)."

## HEROO

Malgrandulo venas en gastejon. Ĉe la *verŝtablo* staras multaj homoj. Li ŝovas sin *tra inter* ĉiujn kaj *mendante* glason de biero, li interpuŝiĝas kun grandegulo. *Ĉi lasta* nenion dirante pugne batas la *etulon* tiel forte, ke ties okulo bluiĝas kaj li *rulfalas* ĝis apud la pordon. Li eliras kaj *surstrate* li renkontas sian amikon, fortan viron, kiu informiĝas *pri la origino de la bluaĵo*.

## HRDINA

Malý človek príde do hostinca. Pri *výčapnom stole* stojí mnoho ľudí. On sa pretlačí *pomedzi* všetkými a *keď si objednáva* pohár piva, srazí sa s obrom. *Tento* bez slova udrie *malého* päsťou tak silno, že mu zmodrie oko a že sa skotúľa až ku dverám. Vyjde a *na ulici* stretne svojho priateľa, silného muža, ktorý sa opytuje *odkiaľ má tú modrinu* (na pôvod modriny).

*Aŭdinte ĉion*, li prenas sian malgrandan amikon *ĉe la brako* kaj diras: „Venu! Montru al mi *la* brutulon!“ Veninte en la gastejon, la etulo montras *je la batinto* kaj lia amiko, *batalpreta*, diras: „Ĉu vi kuraĝis bati tiun ĉi *nefortulon?* Kia bravulaĉo! Kuraĝu nun fari tion!“

La batinto ree *„donacas“* al la malgrandulo tian bategon, ke tiu ĉi duonsvene, kun bluaj, ŝveliĝantaj okuloj kaj sangoŝprucanta nazo provas stariĝi en la angulo. La „forta amiko“ denove prenas lin ĉe la brako kaj diras: „Venu! Li ja fakte volas *interbatiĝi* . . .!“

I. Schon, Haarlem, Nederlando.

*Keď všetko počul*, vezme svojho malého priateľa *za rameno* a hovorí: „Poď! Ukáž mi *toho* surovca!“ Keď prídu do hostinca, maličký ukáže *na toho, ktorý ho udrel*, a jeho priateľ, *pripravený biť sa*, hovorí: „Opovážili ste sa udrieť tohoto *slabého človeka*. Aký hrdina! Ale opovážte sa to teraz urobiť!“

Ten, čo ho udrel, znova *„uštedrí“* malému taký úder, že sa poloomráčený, s modrými, puchnúcimi očami pokúša vstať so zeme (až) kdesi v kúte. „Silný priateľ“ vezme zase svojho priateľa za rameno a hovorí (mu): „Poď! Ten *sa* naozaj chce *biť* . . .!“

# Niaj perantoj

BELGUJO: S-ro *Tousseijn Camille*, 35 Statiestraat, Jabbeke.
Jarabono bfr. 70.—.

FINNLANDO: *Eldono Vilho Setälä*, Kommandittiyhttiö, Onnentie 23, Helsinki—Kä.
Jarabono: fmk 250.—.

FRANCUJO. S-ro *Jules Coste*, Cité du Moulin de-Senlis, Montgéron, (S. & O.); poŝtĉekkonto: C. C. P. 45123 Paris. Jarabono: ffr. 420.—.

NEDERLANDO: S-ro *I. Schoon*, Ooievaarstraat 9, Haarlem—N,
Jarabono: gld. 4.—.

SVEDUJO: *Eldona Societo Esperanto*, Fack 19071, Stockholm,
Jarabono: 5,75 sv. kr.

SVISLANDO: S-ro *Otto Walder*, Eigenheim, Romanshorn.
Jarabono: svfr. 6,75.

Samideanoj en koncernaj landoj kun reprezentanto estas petataj pagi al sialanda reprezentanto.

Por landoj, kie ni ne havas reprezentanton, la jarabono por la jarkolekto 1948 estas 16 internaciaj respondkuponoj aŭ esperantaj libroj en valoro de 6,75 svisaj frankoj = 8 anglaj ŝilingoj = 1,60 usonaj dolaroj.

# PAROLAS SEI

NI NE VOLIS, sed la cirkonstancoj devigis nin plialtigi iomete la prezon de nia revuo. La jarkolekto 1949 kostos Kčs 70.— por enlando kaj Kčs 80.— por eksterlando. Kaj farante tiun ĉi eĉ al ni ne simpatian paŝon, ni ne povis ne pensi pri tiuj *niaj legantoj, kiuj ankoraŭ ne pagis la abonon por 1948* aŭ sian kotizon de membro-abonanto. Ĉu vi eble ne apartenas al tiuj ĉi?

VENAS OFTE INFORMPETOJ pri aferoj, kiujn ni klarigis sur la paĝoj de ES. Bonvolu do pli atenteme legi, ĉar ni ne havas tempon doni skribajn klarigojn pri aferoj jam priparolitaj en ES.

LA UNUA NUMERO de tiu ĉi jarkolekto aperos verŝajne pli frue ol la lasta de la pasinta jarkolekto, dediĉota al urbo Žilina kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Tiel vi spertas okazaĵon ne ĉiutagan, kiun kaŭzis la aldona laboro kun tiu granda nombro da ilustraĵoj, kiuj troviĝos en la žilina-a numero. Sed — finfine — ĉu ni ne rajtas foje ankaŭ esti originalaj?

NI ATENTIGAS, ke nek SEI nek SES povas al vi iamaniere helpi ĉe akiro de pasporto por partopreno de eksterlandaj esperanto-kongresoj kaj kunvenoj kaj diversaj vojaĝoj eksterlanden. Bonvolu do ne turni vin je ni kun petoj pri ĉi rilata helpo.

NI DANKAS. Por ke ni almenaŭ iamaniere konigu la oferemon kaj solidarecon de kelkaj gesamideanoj, kiuj helpis al SEI per mondonaco, ni decidis depost nun publikigadi iliajn nomojn. Jen la unuaj helpintoj:

Esperanto-Klubo Židenice 500.—, M. Lezo, Vrútky, 80—, S. Valešová, Turnov; 130.—, G. Rumánek, N. Mesto n/V., 100.—;

D. Prandorfi, Světec, kolektis por ES 1.510— Kčs, de jenaj ges-anoj. D. Prandorfi 100.—, K. Fischer 100.—, N. Široký 100.—, N. Prandorfi 100.—, F. Omelka 100.—, T. Evjáková 100, N. Tabášková 50.—, J. Šoltys 50.—, Fr. Macek 100.—, Fr. Krajíček 20.—, N. Gajdoš 100.—, N. Mrázková 100—, J. Šimaus 40.—, N. N. 50.—, N. Žatečková 100.—, N. Rozum 100.—, N. Pavelka 50.—, N. Polašek 100.—.

Sinceran dankon!

LA KOTIZOJ DE SES por 1949 estas jenaj: membro kun „Esperantisto Slovaka" — Kčs 100.—; membro sen ES — Kčs 60.—; membro de Junulara sekcio (nur ĝis 18a vivjaro, *sen ES*) — Kčs 24.—; Esperantisto Slovaka por 1949 Kčs 70.—, eksterlanden Kčs 80.—.

AL TIU ĈI NUMERO ni almetas poŝtpagilon. Vi povas ĝin uzi por pago de la kotizo al SES, por pago de la abono, por pago de la diferenco en la kotizo aŭ abono, se vi jam pagis Kčs 90.— kiel MA (membro-abonanto) aŭ 60.— por ES. Sed afable nepre notu (dorsflanke aŭ en la fenestreto antaŭflanke) *por kio vi pagas*, kaj skribu vian plenan, precizan adreson. Kiuj jam pagis la ĝustan sumon, tiuj bonvolu konservi la pagilon por posta bezono. Dankon!

RAPIDU REABONI nian revuon por via eksterlanda amik(in)o, ĉar *en 1949 ni principe liveros ES eksterlanden nur al abonintoj.* Abonante por eksterlando skribu klare precizan adreson!

## NI RICEVIS

Shakespeare: LA GAJAJ EDZINOJ DE WINDSOR. Komedio en kvin aktoj. El angla originalo tradukis Stephen A. Andrew Eldonis The Esperanto Publishing Co. Ltd., Rickmansworth, Herts., Anglujo. 90 pĝ., prezo 3 ŝil. 6 p. broŝurita.

Ĉiu traduko de klasikaĵo estas nova pruvo pri tio, ke Esperanto estas ne nur lingvo de poŝtmarkkolektantoj, sed ke ĝi taŭgas eĉ por la plej postulemaj taskoj. Tiu ĉi, laŭvice jam dekunua traduko de s-ano S. A Andrew el la verkoj de Ŝejkspir, estas unu el tiuj pruvoj. De Ŝejkspir, la nesuperita dramaŭtoro, estas ĉi tie prezentata sia eble plej bona komedio, ankoraŭ pli bone konata en sia muzikigita, opera formo.

Traduki Ŝejkspir estas tasko malfacila, sed la spertoj, kiujn la tradukinto jam havas ĉi rilate, ebligis al li plenumi ĝin bone kaj fari el Ŝejkspir, ofte ne komprenebla al la angloj mem, aŭtoron parolantan sprite al la tuta nuntempa Esperantujo. Lia traduko estas tre lerta, nur slavo, havanta iom pli profundan scion pri ambaŭ lingvoj, la angla kaj Esperanto, trovas kelkfoje vorttradukon aŭ frazkonstruon iom tro influitan de la angla lingvo. La ekstera aspekto de la verko estas sur la kutima alta nivelo de la eldonaĵoj de EPC.

D-ro J. Székelyi. PROPAGANDO DE ESPERANTO. Eldono No „L 1“ de la Esperanto Film-Grupo, Antwerpsestraat 45, Bergen—op—Zoom, Nederlando. 32 paĝoj, prezo 6 int. rk. aŭ 0,50.

Jen libreto ne tro ampleksa, sed gravega por la esperantistaro. La konata propagandisto verkis ĝin sur bazo de psiĥologia teorio kaj praktikaj spertoj. Ĝi donas instruon pri iloj de propagando, iliaj ecoj, la kadroj, organizo kaj pritraktas la agadkampojn, kie propagando estas plej efike farebla. La libreto entenas multajn praktikajn konsilojn kaj estas bezonega helpilo por ĉiu serioza propagandisto. Ni rekomendas la libreton por pridiskuto dum klubaj kunvenoj.

DANLANDO, UNU EL LA SKANDINAVAJ LANDOJ. Turista faldprospekto pri Danlando, grandformata. Unuflanke troviĝas detala geografia karto pri Danlando, aliflanke troviĝas reproduktaĵoj de tipaj vidindaĵoj kaj multkoloraj desegnaĵoj kun konciza informa teksto.

La prospekton eldonis Turista Asocio de Danlando, Benstorffsgade 8, Kopenhago K, kie oni povas ĝin *senpage* ricevi.

BONVENON AL KOPENHAGO. Informa turista prospekto esperantlingva, eldonita de Kopenhaga Turista Asocio, 55 Radhusplads, Kopenhago, por bezono de partoprenantoj de la postkongreso, okazinta post la 33a UK en Malmö. Enhavas praktikajn sciindaĵojn pri la dana ĉefurbo, kiuj estas bezonaj por travojaĝanta eksterlandano. Belaspekta kaj plaĉa propagandilo.

ESPERANTO SERVO, N-roj 1 kaj 2. Aktuala informa bulteno de Praha. Aperas monate, eldonata de Instituto de Esperanto-Servo, Praha II., Malá Štěpánská 7, Ĉeĥoslovakio.

Informa bulteno raportanda pri Ĉeĥoslovakio kaj ĝia vivo, elegante presita sur du paĝoj de granfa formato. Ricevebla senpage ĉe supra adreso. Tre taŭga por almeti al korespondaĵoj kun eksterlando.

Sveda Esperanto — Gazeto „LA ESPERO“ jam trovis admirantojn tutmonde pro interesa enhavo, bela preso kaj regula apero. Se vi deziras aboni ĝin, pagu al Slovaka Esperanto — Instituto la jarabonon Kčs 85.— kaj vi ricevos rekte el Svedujo ĉiumonate 8-, 12- aŭ 16-paĝan numeron ĉefe esperantlingvan.

---

KONSTITUCIO DE ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO. Tradukis J Mařík en kunlaboro kun D-ro T. Pumpr. kaj R. Hromada. Eldonis instituto de Esperanto-Servo, Praha II, Malá Štěpánská 7, Ĉeĥoslovakio. Vol. 1 de la Biblioteko de IES.

Esperantlingva traduko de Ĉeĥoslovaka konstitucio por informi la eksterlandon pri la principoj, sur kiuj estas konstruita nia popoldemokrata ŝtato. En tiu ĉi biblioteko estas aperontaj ankaŭ aliaj aktualaj broŝuroj pri nia lando kaj ĝiaj problemoj.

La konstitucio estas havebla senpage ĉe IES. Ĝi estas malgrandformata, destinita por almeto al letero eksterlanden.

## PERSONAJ SCIIGOJ

NASKIĜOJ.

Al edzino de s-ano Ferdinand Lelovics, komitatano de SES, naskiĝis la 7an de decembro 1948 fileto Georgo Andreo.

Al ge-s-anoj Elena kaj Ján Miklóš en Čakanovce, p. Herľany, naskiĝis la 31an de decembro 1948 filineto Ruženka (Rozeto).

Sinceran gratulon al la gepatroj kaj prosperon al la novenaskitoj!

## ANONCETOJ

S-ro Marcel Houplain, ACHICOURT (P. de C), 32 Cité Lefévre, Francujo, iŝ. il. pk.

S-ro Martin Wärnö, Box 37, VALLA, Svedujo, sendas kontraŭ 75—150 pm. de via lando saman kvanton da svedoj pm. Respondo garantiata.

S-ro Jean Dubascoux, 55-ja estinta instruisto en Norda Afriko, Boîte postale 43 SALIES DE BÉARN, (B. P.), Francujo, dez. kor.

S-ro Louis Bouzon, 23-ja, Rue Baclée, ST. AMAND (Cher), Francujo, iŝ pk. leteroj kun ĉ. l.

S-ro Frank Gibney jun., 15-ja, „Sutton South“, Carrickbrack Road, BAILY, Co DUBLIN, Irlando, dez. kor. kun slovakino pri radio, sportoj, filmoj, legado, kolektado de pm kaj fotografado.

S-ro Chin-Sheng Wang, 10 Tsing Yuan Li, Pukov Road, (6) TIENTSIN, Ĉinujo, dez. kor. iŝ. pm kun t. m.

S-ro Ŝonei Joŝihuzi, Kuogimaĉi 28, KANAZAŬA, Lŝîkaŭaken, Japanujo, iŝ. pm.

S-ino J. W. Langtree, 3 Windermere Street, BUNDAKERG, Queensland, Aŭstralio, dez. iŝ. pm., esperantajn prospektojn.

---

DUM LA LECIONO DE MATEMATIKO.

— Diru, Joĉjo, — demandas la instruisto, — se vi el unu poŝo eltiras 9 kronojn kaj el la alia 12 kronojn, tiam . . .

— Tiam mi certe surhavas la pantalonon de iu alia.

F-ino E. Salovaara, Uusikatu 33, OULU, Finnlando, iŝ. il. pk.

S-ro Motozi Ideo, instruisto de Katuijama mezlernejo, Katu, NAGASAKI, Japanujo, dez. kor. pri div. t.

S-ro Joŝio Aoki, 18-ja stud. de kolegio, CAZAŬA-MAĈI, Tojamaken, Japanujo, dez. kor.

S-ro Pierre Asselineau, 18-ja kontoristo, 23 Rue d'Ablon, ATHIS-MONS (S. & O.) Francujo, dez. kor. pri interesoj de gujenuloj (sporto, vojaĝoj, muziko, literaturo, lingvoj ktp.).

S-ro Takashi Minematsu, ĉe O. A. C. Shōsi-ryō Takamatsuchō, Kibi Dist., OKAYAMA, Japanujo, 18-ja. stud. de agrikulturo dez. kor. kun geknaboj kaj samaĝaj stud. de agrikulturo.

S-ro Kyuzo Yamasaki, instr. de pedagogio ĉe Hokaido Norma edukejo, South Ave 22, West St. 12. SAPPORO, Japanujo, dez. iŝ. leterojn, gazetojn ktp.

S-ro J. Korpel, 53-ja enkasigisto, Westerbeekstraat 82, ROTTERDAM (Z), Nederlando, dez. kor.

S-ro J. Mirowski, WARSZAWA-Leszno 92. f-ma S. Kulesza, Polujo, dez. iŝ il. pk.

S-ro Alfredo Martins des Reis, 17-ja maŝinseruristo, Pátio de Palhinhas, COVA DA PIEDADE, Larangeiro, Portugalujo, interesiĝas pri vivkondiĉoj, sporto, legaĵo kaj diversaj temoj.

Malsanulejanoj dez. ricevi esp.-aĵojn (librojn, gazetojn), ankaŭ korespondadon kun pacientoj. Adreso: Julio Gross, Tulpenstr. 7, BERLIN-Lichterfelde, U. S. sektoro, Germanujo.

S-ro J. N. Ŝinoto, 270 Komazaŭa, Ŝiozakimuna, Kitakomagun, Jamana — ĉiken, Japanujo, dez. kor.

S-ro Hitosi Kuriyama, 20-ja. stu. de medicino, Umenokityō 3-367, ITAMI, Hyogo-ken, Japanujo, iŝ. pm., il. pk., gazetojn.

S-ro Joŝio Kitagaŭa, 25-ja ŝoforo, Hannan-ĉo, Higasi 2—21, Abenoku, OSAKA, Japanujo, dez. kor.

S-ro Haruo Hasimoto, biologo, Iwagamityo 355, MAEBASI — SI, Japanujo, iŝ. il. pk.

S-ro Haruka Ooi, 22-ja. stud. de agrikulturo, Fuzisawa, Kanagawakon, Nihon-universitato, Japanujjo. iŝ. il. pk.

S-ro Sunao Muramacu, 363 Mijamoto, Mijazuĉoo, Jozagun, KJOTO, Japanujo iŝ. il. pk.

S-ro Joŝohumi Hukahori, 24-ja. stud. univ. (fiziko), 101 Nakano-koĝi Macubara-ĉo, SAGA-SI, Japanujo, iŝ. pm. kutimojn kaj malnovajn fabelojn naciajn.

S-ro Kusumoto Hazime, 16 Kami-Imaguabasi-Dôri, HAKUOKA-SI, Japanujo. dez. kor. pri diversaj temoj, iŝ. il. pk.

S-ro Ŝeinoske Kato, 35-ja. oficisto, Ĉiriu-maĉi, Hekkai-gun, Aiĉiken, Japanujo, dez. kor. pri div. temoj, iŝ pm., il. pk.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.



